3 Février 1907.
N° 55.

3a Februaro 1907. 55a Numero.
5a JARO, 7a NUMERO.

3e Februari 1907.
Nr 55.




OFICIALA ORGANO DE LA « BELGA LIGO ESPERANTISTA » KAJ DE LA BELGAJ LIGAJ GRUPOJ.
Aliĝinta al la profesia Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.**
Affilié à l'Union professionnelle de la Presse Périodique Belge.

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten groepen.**
Aangesloten bij het Beroepsverbond der periodische Belgische drukpers.

DIREKCIO : 53, rue de Ten Bosch, BRUXELLES.
Kasisto-Administranto : Sro J. COOX, en Duffel (Belgique).

ENHAVO.



Presisto-eldonisto A.-J. WITTERYCK-DELPLACE, Nouvelle Promenade, 4, Bruges.

## ABONNEMENTS

Aumoins un an . . . . . fr. 6,00
Avec inscription à la Ligue *au moins* » 7,00
Membre protecteur de la Ligue avec abon. (Statuts p. II) *au moins* » 10,00
Un numéro . . . . . . . . » 0,25
1e et 2e année ) en Belgique ( . » 5,00
3e et 4e » ) *chacune* ( . » 6,00
Les collections pour l'étranger, par envoi *en plus* » 1,00

## ABONOJ

Almenaŭ unu jaro ĉiulande . . fr. 6,00
Kun enskribo en la Ligo *almenaŭ* » 7,00
Protektanta ligano, kun abono *almenaŭ* » 10,00
Unu numero en Belgujo . . . » 0,25
1ª kaj 2ª jaro) en Belgujo ) . . « 5,00
3ª » 4ª » ) *ĉiu* ) . . « 6,00
ĉiu sendo eksterlande pagas ĉiufoje . . . . . . . . . » 1,00

## INSCHRIJVINGEN

Ten minste 1 jaar . . . . . fr. 6,00
Met inschrijving in den Bond. *ten minste* » 7,00
Bond-Beschermer, inbegrepen maandschrift (Standr.. p. II) *ten minste* » 10,00
Een nummer . . . . . . . » 0,25
1e en 2e jaar ) in Belgie ) . . » 5,00
3e en 4e jaar ) *ieder* ). . . » 6,00
Buitenland . . . . . *meer* . » 1,00

**Pri ĉio kio ne interesas la kasiston, sin turni al la Direkcio, 53, rue de Ten Bosch, Bruxelles.**
**Adreso de la Kasisto-administranto : S<sup>ro</sup> J. COOX, en Duffel (Belgique).**

La abonoj komencas nepre la 1ª de Septembro. Se oni abonas poste, oni ricevas la jam aperintajn n<sup>ojn</sup>. Ni akceptas poŝtmarkojn laŭvalore, sed ni pli ŝatas poŝtmandatojn.

L'abonnement commence le 1er Septembre. Si l'on s'abonne après cette date, on reçoit les Nos parus.

Het jaar begint den 1n September.— Indien men inschrijft in den loop des jaars, ontvangt men de vorige nummers.

# ESPERANTISTAJ GAZETOJ.

## JOURNAUX ESPÉRANTISTES. ESPERANTISCHE BLADEN.

**Amerika Esperantisto**, anglais-esperanto, à Oklahoma-City (Etats-Unis) . . . . fr. 5.00
**Antaŭen Esperantistoj** !!! espagnol-esperanto, Apartado 927, Lima, (Pérou) . . . . fr. 3.00
**British Esperantist**, anglais-esperanto, 13, Arundel street, London W. C. . . . . . » 4.00
**Bohema gazeto**, kun bohema titolo ; Praha (Autriche) II. 313 . . . . . . . » 3.75
**Esperantisten**, suédois-esperanto, M. P. Alhberg, 37, Surbrunnsgatan, Stockholm (Suède) . » 3.50
**Esperanta Ligilo**, esperanto, en caractères Braille pour aveugles. M. Cart, 12, Rue Soufflot, » 3.00
**Esperanto**, hongrois-esperanto, Mr Marich Agoston, Üllöi-Ut. 59, Budapest, IX . . . kr. 3.80
**Espero Katolika**, esperanto, Mr Em. Peltier, Sainte-Radegonde lez Tours, (I. L.) (France) . fr. 5.00
**Espero Pacifista**, esperanto, Mr Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (France) » 5.00
**Foto-Revuo Internacia**, français-esperanto, 118bis, rue d'Assas, Paris, . . . . . . » 5.00
**Germana Esperantisto**, allemand-esperanto, MM. Möller & Borel, 95, Prinzenstrasse, Berlin mark 3.00
**Idealo**, esperanto, Dr Vitangelo Nalli, Corso Calatafimi, 495, Palerme . . . . fr. 3.00
**Internacia Revuo Medicina**, en toutes langues et en Esperanto, Imprimerie Espérantiste, 33, Rue Lacépède, Paris, Ve . . . . . . . . . . . . » 7.00
**Internacia Scienca Revuo**, esperanto, M. P. Fruictier, 27, Bd Arago, Paris. . . . . . » 7.00
**Japana Esperantisto**, japonais et esperanto, 3ĉome, Jurakĉo, Kozimacik, Tokio . . . » 3.00
**Lingvo Internacia**, mensuel, esperanto, 33, rue Lacépède, Paris, Ve, . . . . . . » 5.00
avec supplément littéraire . . . . . . . . . . . » 7.50
**La Revuo**, esperanto, 79, Bd St Germain, Paris . . . . . . . . . . » 7.00
**L'Espérantiste**, français-esperanto, Mr de Beaufront, 4, rue du Gril, Louviers, Eure, (France) » 4.00
**Lumo**, bulgare-esperanto, M. IV. Nenkov, rue Gorska, 2299, Tirnovo . . . . » 2 00
**Ruslanda Esperantisto**, russe-esperanto, Bolŝaja Podjaĉeskaja, 24, St Petersbourg. . . » 7.50
**Pola Esperantisto**, esperanto-polonais, 26, Akademicka, Leopolo, (Autriche) . . . » 2.50
**Svisa Espero**, esperanto, Mr Renard, 6, rue du Vieux Collège, Genève (Suisse) . . . » 2.50
**Suno Hispana**, espagnol-esperanto, M. Jimenez Loira, Avellanas, 11, presejo, Valencia (Espagne) » 3.00
**Tra la Mondo**, illustré, esperanto, 15, Boulevard des Deux Gares, Meudon S. O. (France) » 8.00

3a Février 1907. N° 55.

3a Februaro 1907. 55a Numero.
5a JARO, 7a NUMERO.

3e Februari 1907. N° 55.




**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges affiliés.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.**

## MILITISTAJ NOVAĴOJ.

Nia amiko, Leŭtenanto Bayol, instruisto en Saint-Cyr, ricevis la jenan leteron de la Generalo Barono Oku, estro de la ĝenerala stabo en la japana militistaro :

Tokio, la 9a de oktobro 1906.

Kara Sinjoro Bayol,

Multajn dankojn por la donaco de via broŝuro pri Esperanto. Tiu verketo estos, kiel vi diras, utila en la militistaro kaj precipe en la societoj por la helpado de vunditoj dum milito.

Ricevu, mia kara Leŭtenanto, la esprimon de mia treega dankemeco.

Generalo Barono Oku.

***

Esperanto estas oficiala instruata ĉe la Militista lernejo en Rio-de-Janeiro.

En tiu urbo, la profesoro de fremdaj lingvoj ĉe la Militista lernejo organizis alian kurson por la oficiroj kaj lernantoj-oficiroj de administracio.

***

Generalo markizo de Polavejia, eksministro de la Milito en Hispanlando, kaj nun Reĝa komisario de Reĝa-Kruco hispana, skribas :

« Mi amas la progreson, kaj mi vidas ĝin en la » penadoj de tiuj, kiuj intencas starigi internacian » lingvon en la mondo ».

***

En Unuigitaj Ŝtatoj Amerikaj, kapitano Baff el Worcester, faris raporton pri Esperanto al la Ministro de la milito. La konkludo de tiu raporto estas la enkonduko de Esperanto en la programoj de la militistaj lernejoj en West-Point kaj en Washington, tiel kiel en la marista lernejo en Annapolis. La Ministro sendis respondon favoran por Esperanto, sed li atendos ke la movado estu pli grava.

Laŭ opinio de kapitano Baff, tiu afero okazos ĉirkaŭ post 18 monatoj.

Atendante, oni rimarkas gravajn progresojn de Esperanto ne sole inter la oficiraro, sed ankoraŭ inter la soldataro.

Aliparte Generalo Robert, el Philadelphie, montras sin kiel varma propagandisto.

***

En Lyon, la Ĉefgeneralo permesis al Soj Offret kaj Blum ke ili organizu paroladojn pri Esperanto en la Milita lernejo pri sano, ĉe la klubo de la oficiroj kaj en la diversaj kasernoj.

***

Agentejo Havas telegrafas ke la Franca Ministro, generalo Picard (Pikar) tuj permesos paroladojn pri Esperanto ĉe la militaj kluboj.

***

Leŭtenanto Salaris, deĵora oficiro ĉe la Ministro de la Milito en Itallando, komencis serion da artikoloj favoraj pri Esperanto en la ĵurnalo : « Il diritto militar italiano ».

***

Tiuj kelkaj sciigoj montras la gravajn progresojn, kiujn nun faras Esperanto en ĉiuj armeoj.

B. S.

## UNE REVOLUTION GRAPHOLOGIQUE.

Le grand mouvement réformateur qui est en train de transfigurer les races jaunes, et dont le Japon, après avoir donné l'exemple, a recueilli les premiers profits, n'est pas près d'être achevé. Il commence à peine.

Voici,par exemple,que les Japonais se disposent à substituer l'écriture occidentale, c'est-à-dire les caractères latins, adoptés aujourd'hui par tous les peuples civilisés — à l'exception des Grecs et des Russes — à leur vieille écriture idéographique, dont l'infériorité pratique est manifeste. Ce n'est pas d'aujourd'hui, ni même d'hier, que les penseurs de là-bas rêvent de cette simplification nécessaire, et dès 1873, lors du premier congrès des orientalistes, l'ambassadeur du Japon, à Paris, avait déjà manifesté - en un français très correct et très pur — le désir de voir doter sa patrie d'un alphabet approprié aux exigences si complexes et si subtiles de la vie moderne. Mais ce n'était encore qu'un vœu platonique. Les choses ont marché depuis à pas de géant, et la propagande a été si active, qu'il s'est fondé une revue, *Romaji*, tout exprès pour préparer les voies à cette espèce de révolution.

La Chine elle-même a emboîté le pas, et il existe, parmi les Célestes qui vont de l'avant — et qui sont légion — tout un parti puissant qui travaille à l'européanisation de l'écriture.

En Occident, on n'a pas l'air de s'en préoccuper ; c'est à peine si quelques rares journaux ont daigné signaler le fait. Il s'agit pourtant d'un véritable événement, dont les conséquences à longue portée s'annoncent comme incalculables.

Le sommeil dans lequel ont été si longtemps plongés les Chinois, nos initiateurs à tant de points de vue, est surtout imputable à l'infériorité de leur langue en général, et de leur écriture en particulier. Par le fait que cette langue est monosyllabique, avec des racines fixes indéformables, dont le sens ne varie que par la place qu'elles occupent dans la phrase, ou par la juxtaposition d'autres racines semblablement indéformables et fixes ; par le fait que chaque signe de l'écriture représente non pas un son conventionnel, mais une idée ou un objet, la pensée chinoise manque à la fois de souplesse et de stabilité.

C'est même par de véritables prodiges d'ingéniosité que les Chinois ont pu accommoder un aussi médiocre instrument aux styles et aux genres les plus divers : philosophie, morale, histoire, poésie, théâtre.

Songez que le chinois comprend une trentaine de mille mots, tous monosyllabiques, ou composés de monosyllabes ayant chacun son symbole distinct ! On s'explique ainsi comment, pour apprendre seulement à lire, il faut plusieurs années à un homme d'intelligence moyenne. On s'explique également le rôle prépondérant que joue, en Chine, la calligraphie, promue au rang d'art par excellence.

La situation des Japonais est meilleure, car leur langue — une langue agglutinative, en progrès par conséquent sur les langues monosyllabiques — est sonore et douce, relativement facile à apprendre, et très susceptible d'exprimer avec clarté beaucoup

## GRAFOLOGIA REVOLUCIO.

Grava movado pri reformoj ĵus aliigas la flavajn rasojn ; la Japanoj estas la unuaj por doni la ekzemplon de tiu movado kaj por ricevi la unuajn profitojn de ĝi. Tiu movado ne estas fininta ; ĝi, male, apenaŭ komencis.

Ekzemple la Japanoj intencas anstataŭi sian malnovan ideografian skribmanieron, kies praktika malsupereco estas evidenta, per la okcidenta alfabeto t. e. la latinaj literoj uzataj nune de ĉiuj civilizemaj popoloj, krom la Grekoj kaj Rusoj.

Jam de longatempe,la pensantoj de l' flavaj rasoj revas pri tiu necesa simpligo. De la jaro 1873, kiam okazis la unua kongreso de la orientanoj,la ambasadoro de Japanujo en Parizo, parolanta tre korekte kaj tre pure la francan lingvon, deziris ke sia patrolando akceptu alfabeton difinitan por la postuloj tiel malsimplaj kaj delikataj de la nuntempa vivo. De tiam la kaŭzo antaŭeniris per giganta paŝado, kaj la propagando fariĝis tiel agema ke revuo, *Romaji*, fondiĝis tute speciale por defendi tiun kvazaŭan revolucion.

Ĥinujo mem agis same, kaj ĉe la multnombraj Ĥinoj kiuj iradas antaŭe, potenca partio ekzistas kiu klopodas por elŝanĝi sian alfabeton.

Oni nesufiĉe atentas tion en Eŭropo ; apenaŭ kelkaj izolitaj ĵurnaloj bonvolis anonci tiun penadon. Tio estas, tamen, vere interesa movo, kies estontaj konsekvencoj ekmontriĝas kiel nekalkuleblaj.

La indiferenteco, kiu subpremis tiel longe Ĥinaron — kiu tamen estis tiel ofte,por ni,inicianto — elvenas precipe de la malsupereco de ĝia lingvo ĝenerale, kaj de ĝia skribmaniero speciale. Ĝia lingvo estas unusilaba kun fiksaj, neŝanĝeblaj radikoj, kies senco diversiĝas nur pro la vico en frazo aŭ pro iliaj kunmetoj. Ĉiu signo de la skribo ne montras difinitan sonon sed ideon aŭ objekton ; sekve la Ĥina penso ne havas samtempe flekseblecon kaj firmecon.

Por enkonduki tiel maltaŭgan ilon en la stiloj kaj la plej diversaj temoj — filozofio, moralo, historio, poezio, teatro, — la Ĥinoj sagace penadis.

Pripensu ke la Ĥina lingvo kalkulas ĉirkaŭ tridek mil vortojn, ĉiujn unusilabajn aŭ formitajn per unusilabaj radikoj. Ĉiu vorto havas sian apartan skriban simbolon ! Tio klarigas ke multaj jaroj estas necesaj al homo de meza inteligenteco por flue legi la Ĥinan skribon. Tio ankoraŭ klarigas la superan rolon, kiun ricevas, en Ĥinujo, la belskribarto, aliigita ĝis la vico de la plej pura arto.

La situacio de la Japanoj estas pli bona ; ilia lingvo estas algluema, kaj pro tio, pli progresema ol la unusilabaj lingvoj ; ĝi sonas dolĉe kaj estas facile akirebla rilate al aliaj ; plie ĝi estas sufiĉe fleksebla por klare esprimi ĉiujn ideojn.

d'idées, s'ils n'avaient pas commis, il y a des siècles, l'incompréhensible erreur d'adopter l'écriture chinoise. Il s'ensuit que le japonais écrit constitue le plus sérieux obstacle au développement illimité de l'esprit public.

Cela est si vrai, que tous les « intellectuels », tous les dirigeants du pays du Soleil Levant, ont dû étudier jusqu'ici dans les livres anglais, allemands ou français. C'est précisément parmi les intellectuels que se recrutent les apôtres qui, voulant mettre à la portée de la race jaune tout entière l'éducation supérieure dont ils furent les premiers à bénéficier, ont pris l'initiative de la latinisation des écritures.

Cela ne va pas tout seul, bien entendu, et les traditionnalistes ne manquent pas d'objecter que le remplacement des idéogrammes par les caractères alphabétiques, va forcément dénaturer le génie de la langue. Mais il n'est pas douteux que les considérations utilitaires, dont *Romaji* s'est institué l'avocat d'office, finiront par l'emporter.

Etant donnée la rapidité avec laquelle vont en besogne, quand elles s'y mettent, ces races extrême-orientales, à la fois si vieilles et si jeunes, nous allons assister à une évolution singulièrement passionnante : rien ne vaut, en effet, pour favoriser le progrès d'une collectivité, la possession d'un instrument de nature à faciliter l'assimilation des connaissances et l'échange des idées.

COMMANDANT RAOUL PONTUS.

*(Japon et Belgique).*

Bedaŭrinde jam de kelkaj jarcentoj,ili nekompreneble eraris, akceptante la Ĥinan skribmanieron. Sekve, la Japana lingvo tiel skribita fariĝis la plej grava malhelpo kontraŭ la senlima disvastiĝado de la nacia spirito.

Pruvo de tio estas ke ĉiuj « inteligentoj », ĉiuj « kleroj » de la lando, pro neceso, lernadis ĝis nun per anglaj, germanaj aŭ francaj libroj. Apostoloj intencis alkonduki al la tuta Flava raso, la superan edukadon, kies profiton ili unuaj, ricevis.
Tiuj novamantemoj, ĉefe varbitaj ĉe la inteligentoj, iniciative ekkomencis la « latinigon » de siaj skriboj.

Kompreneble, tio ne efektiviĝos sen batalado ; la tradicianoj kontraŭparolas kaj konkludas ke la anstataŭigo de la idealiteroj per la alfabetaj signoj, perforte forpelos la lingvan genion. Sed ni ne dubas ke la utilemaj konsideroj, por kiuj *Romaji* sinelektis « devigatan advokaton », fine venkos.

Ni scias la rapidecon, kiu karakterizas tiujn rasojn de l' malproksima orientlando kiam ili serioze eklaboras. Ĉe tiuj rasoj, samtempe tiel antikvaj kaj tiel junaj, ni baldaŭ vidos evolucion strange interesegan ; ĉar por helpi la progresadon de ia aro, nenio pli valoras ol posedo de ilo, kiu faciligos la ricevon de la homaj konoj kaj la interŝanĝon de la ideoj.

El la ĵurnalo *Japon et Belgique.*

*Tradukis Jos. Jamin.*

## TRA LA MONDO ESPERANTISTA.

### TRILINIAJ NOVAĴOJ.

Esperanta German-Slava kongreso okazos en Allenstein je la Pentekosto. Oni povas direkti sciigojn al S° Alb. Schutkowski.

En urbo Alger formiĝis « Esperantista komerca kontoro », laŭ iniciativo de S^ro L. Landes.

« Revuo » malfermas konkurson por originalaj esperantaj noveloj kaj rakontoj ; tri premioj : 200, 100 kaj 50 frankoj.

La agemeco de niaj Germanaj samideanoj montriĝas per fondo de grupoj en Bremen, Dresden, Spandaŭ kaj Strassburg.

En Perulando, la Parlamento voĉdonis projekton de monofero po 125 fr. ĉiumonate al gazeto «Antaŭen Esperantistoj»; oni esperas ke Prezidanto de la Respubliko aprobos tiun donacon.

Nia bone konata amiko Edmond Privat paroladis pri Esperanto kaj ĝia sociala rolo en Ĝenevo. Ĉirkaŭ kvincent personoj aplaŭdis la junan parolanton.

Granda taga festo, organizita de la internacia grupo « Paco-Libereco » okazis la 20^a de Januaro en la Festa Salono, Hotelo de la Sindikataj ĉambroj en Parizo.

En kunveno de la Akademio de Medicino, D^ro Lamercieux proponis unuigon de la finaĵoj de medicinaj vortoj. Estas apliko de la principoj, kiuj direktis nin al Esperanto.

En revuo « Concordia » ni trovis tre bonan Esperantistan kronikon de S^ro Sam. Meyer, pri Esperantistaj konsulejoj kaj pri Paco kaj Esperanto.

En raporto de la Flandra Asocio por disvastigo de la franca lingvo ni legas tion : Se oni montrus ke Esperanto taŭgas por la infanoj, oni devus ĝin instrui.

De la 1^a Januaro, la ĵurnalo « Lingvo Internacia » ne plu estas duonmonata ; ĝi eliros ĉiumonate je la 15^a ; Esp. Presa Societo estas reorganizita, feliĉe !

S^ro Paul Berthelot, kiu direktis dum ĝiaj unuaj paŝoj la ĵurnalon « Esperanto » estas nun en Montevideo (Brazillando) kie li disvastigas la lingvon.

« Revuo » de Januaro enhavas tre belan artikolon de nia samlandano Ray. Van Melckebeke, pri « Kelkaj festkutimoj en Belgujo ».

Niaj Bohemaj samideanoj havas de nun sian propran ĵurnalon, kies titolon, bedaŭrinde, ni povas nek represi, pro acentigitaj literoj, nek traduki.

MOZANO.

## HET ESPERANTO EN DE TANDARTSEN.

Bij het congres van Geneve is het opmerkenswaard geweest te zien hoe de Esperantisten van hetzelfde beroep, die zich aldaar ontmoet hebben, de gelegenheid hebben benuttigd om er bijzondere vakcongressen te houden en er esperantische vakvereenigingen op te richten.

Dit feit is in de geschiedenis van het Esperanto van de hoogste beteekenis. Het is als een opperste erkenning van het nut onzer geliefde taal, een net afgeteekende bekrachtiging, die afdoende bewijst, dat het Esperanto wezenlijk een alles omvattende wereldtaal is, bruikbaar voor al de uitingen van den menschelijken geest, voor al de vakken der menschelijke bedrijvigheid.

***

Het congres van Geneve is onder andere niet zonder weergalm gebleven bij het gilde der tandartsen. Reeds verscheidene malen waren in het vaktijdschrift « l'Odontologie » onder de handteekening van den Parijzer tandarts, heer Hugo Schweitzer-Szwaycarsky artikels verschenen om het Esperanto bij de tandartsen te doen kennen en er het hooge belang van te doen uitschijnen. In het nummer van 30ⁿ November 1906 van hooger genoemd tijdschrift komt de heer Schweitzer op de zaak terug en deelt hij een zeer lezenswaard relaas mede over het congres van Geneve. Hij meldt, dat ter gelegenheid van dit congres de aldaar tegenwoordige tandartsen een algemeenen esperantischen bond hebben gesticht, die tot voorzitter heeft gekozen den heer Cunningham van Cambridge; de leden, die het Esperanto nog niet genoeg machtig zijn, zullen zich onverwijld volmaken en hebben eenstemmig de belofte afgelegd elkander a. s. jaar bij het IIIe esperantisch congres in Engeland terug te zien.

***

Wij vernemen verder uit de bijdrage van den heer Schweitzer, dat de zaak van het Esperanto reeds vroeger bij de tandheelkundige wereldcongressen werd ingeleid en nog onlangs bij het congres van Lyon, waar zij levendig verdedigd werd door den heer Prof. Grillon van Philadelphia, die bij de tandheelkundige school aldaar eenen leergang van Esperanto heeft ingericht, die 300 leerlingen telt.

Ten gevolge der mededeeling van den heer Grillon deed de heer Frey, voorzitter van het Lyoner congres, den wensch aannemen dat al de bijdragen van algemeen belang voor de tandartsen, hetzij uit wetenschappelijk, technisch of beroepsnuttig oogpunt,door middel van het Esperanto zouden bekend gemaakt worden en verzonden naar al de tandheelkundige bladen der wereld. De opname zulker artikels, uit den aard der zaak zelve de belangrijkste van alle, zou een machtige drijfveer wezen om het Esperanto aan te leeren en een uitmuntend propagandamiddel voor dezes verspreiding.

***

Het voorbeeld volgende van Engeland, waar onder leiding van den heer Cunningham een nationale esperantische vereeniging voor tandartsen

## ESPERANTO KAJ DENTISTOJ.

Ĉe la Ĝeneva kongreso estis rimarkinde vidi ke Esperantistoj de sama profesio kiuj sin tie renkontis, utilis la okazon por kunveni en profesiaj kongresoj kaj starigi esperantajn profesiajn societojn.

Tiu ĉi fakto havas en la historio de Esperanto plej gravan signifon. Estas kvazaŭ superega rekono de l' utileco de la internacia lingvo, estas klare difinita certigo, kiu nepre pruvas ke Esperanto estas efektive ĉion ĉirkaŭprenanta tutmonda lingvo, taŭganta por ĉiuj esprimoj de la homa spirito, por ĉiuj fakoj de la homa agemo.

***

La Ĝeneva kongreso ne restis interalie sen eĥo ĉe la korporacio de la dentistoj. Jam diversfoje aperis en la profesia revuo « l'Odontologie » artikoloj subskribitaj de la Pariza dentisto Sro Hugo Schweitzer-Szwaycarsky por konigi Esperanton al la dentistaro, kaj por pruvi ĝian altan intereson. En la numero de la 30a de Novembro 1906 de la supre nomita ĵurnalo Sro Schweitzer reparolas pri la afero kaj publikigas tre legindan raporton pri la Ĝeneva kongreso. Li sciigas ke, okaze de tiu kongreso, la tie ĉeestintaj dentistoj fondis ĝeneralan esperantan federacion, kiu elektis kiel prezidanto Sron Cunningham el Cambridge; la membroj, kiuj ne jam estas sufiĉe kleraj en Esperanto perfektigos sin senprokraste kaj unanime promesis sin revidi dum la proksima jaro en Anglujo, ĉe la IIIa esperanta kongreso.

***

Ni sciiĝas plie per la artikolo de Sro Schweitzer ke jam antaŭe la esperanta afero estis priparolita ĉe dentistaj tutmondaj kongresoj, kaj antaŭ ne longe ĉe la kongreso en Lion'o, kie ĝi estis vive defendita de Sro Profesoro Grillon el Filadelfio, kiu ĉe la tiea dentista lernejo starigis esperantan kurson, kalkulantan 300 lernantojn.

Sekve de la informo de SroGrillon, la prezidanto de la Lion'a kongreso, Sro Frey, akceptigis la deziron ke ĉiuj sciigoj ĝenerale interesantaj la dentistaron, tiom laŭ scienca kiom laŭ teknika kaj profesie utila vidpunkto estu komunikotaj per Esperanto, kaj sendotaj al la denthirurgiaj revuoj de la tuta mondo. La publikigo de tiaj artikoloj, evidente la plej gravaj el ĉiuj, estus potenca puŝo por ellerni Esperanton kaj bonega propagandilo por ĝia disvastigado.

***

Laŭ la ekzemplo de Anglujo, kie sub konduko de Sro Cunningham estis fondita nacia esperanta federacio de dentistoj, kaj laŭ tiu de Svisujo kie oni

werd gesticht, en dat van Zwitserland, waar men onder het voorzitterschap van den heer Guye in de beweging is getreden, heeft men ook in Frankrijk de grondslagen gelegd van een esperantischen tandartsenbond, die den naam heeft aangenomen van « Grupo esperantista de dentistoj Francaj », en op 8n November zijne werkzaamheden heeft aangevangen.

De heer Dr Godon, eerevoorzitter der Fransche tandartsenvereeniging en bestuurder der Parijzer « Ecole dentaire », een man, wien de vooruitgang der tandheelkunde groote verplichtingen heeft en dien men steeds aan het hoofd van alle vooruit strevende bewegingen bemerkt, heeft zijne bijtreding aan de nieuwe maatschappij gezonden.

Een leergang van Esperanto voor tandartsen wordt te Parijs alle donderdagavonden om 9 uren gegeven in het « Café de l'Univers », *rue de Rohan*, *3*; de zetel der groep is *rue de Turbigo*, *54*.

***

De stichting van esperantische vakvereenigingen geeft ons een nieuw vertrouwen in het welgelukken onzer onderneming.

Zij moge vooral indruk maken op de openbare besturen en de oplossing verhaasten der invoering van het Esperanto bij het onderwijs, waarvan de volledige zegepraal van ons werk afhangt.

eniris la movadon sub la prezido de Sro Guye, oni starigas en Franclando la fundamentojn de esperanta societo por dentistoj, kiu alprenis la nomon de « Grupo esperantista de dentistoj Francaj », kaj kiu ekkomencis siajn laboradojn de la 8a de Novembro.

Sro Dro Godon, honora prezidanto de la Franca dentista societo, kaj direktoro de la Pariza « Ecole dentaire », viro, al kiu la progreso la denta ĥirurgio multe ŝuldas, kaj kiun oni vidas ĉiam je la unua vico ĉe ĉiuj progresemaj agadoj, sendis sian aliĝon al la juna grupo.

Kurso de Esperanto por dentistoj okazas en Parizo ĉiujaŭde je la 9a vespere en la « Café de l'Univers », *rue de Rohan*, *3*; la sidejo de la grupo estas *rue de Turbigo*, *54*.

***

La starigo de esperantaj profesiaj societoj donas al ni novan fidon je la sukceso de nia entrepreno.

Tiu ĉi fakto impresigu la publikajn estrarojn, kaj akcelu la enkondukon de Esperanto ĉe la instruado, de kio dependas la plena triumfo de nia laboro

AMATUS.

# KRONIKO DE LA GRUPOJ.

Le départ de la mission scientifique du Commandant Ch.Lemaire pour la côte orientale d'Afrique est ajourné.

**Bruxelles**. — Le 22 janvier a eu lieu au Cercle Polyglotte la conférence en anglais de l'abbé Richardson, professeur à l'Institut St. Louis, qui a traité la question de la langue auxiliaire, et a présenté la solution la meilleure, la solution unique: l'Esperanto. Un grand nombre de personnes assistaient à la réunion et toutes se sont intéressées à la démonstration, faite par le conférencier, au tableau noir. Pour prouver la facilité et l'harmonie de la langue M. Richardson a amorcé une conversation avec M. L. Blanjean. Les applaudissements qui saluèrent la fin de cette conférence, nous sont un sûr garant qu'elle aura d'heureux résultats pour notre cause.

Un nouveau cours commencera le lundi 4 février à l'Université de Bruxelles (rue de l'Impératrice), salle 3.

Une réunion des Espérantistes bruxellois aura lieu le dimanche 10 février à 10 heures du matin dans la grande salle de la maison « La Louve » 5, grand'place, pour décider la fondation d'un groupe. Dès maintenant on peut envoyer les adhésions à la Direction du journal.

**Ostende**. — Le Jeudi 7 février prochain, Monsieur le Deur Goffin conférenciera sur l'Esperanto à la Société des Etudes Coloniales dans la Salle du Casino à 8 1/2 précises.

**Namur**. — Dans notre précédent numéro, nous avons fait connaître la fondation d'un groupe militaire dans cette ville.

La foriro de l' scienca misiistaro de Komandanto Ch. Lemaire, al la orienta bordo de Afriko, estas prokrastita.

**Bruselo**. — La 22a de Januaro, okazis en *Cercle Polyglotte* la angla parolado de abato Richardson, profesoro de la Instituo « Sankta Ludoviko » kiu traktis la demandon pri helpanta lingvo kaj prezentis la plej difinitan kaj solan solvon : Esperanton. — Grandnombro da personoj ĉeestis al la kunveno kaj ĉiuj sin interesis al la montro farita de la parolanto sur nigra tabulo. Por pruvi la facilecon kaj bonsonecon de la lingvo, Sro Richardson ekkomencis interparoladon kun Sro L. Blanjean. La aplaŭdoj kiuj salutis la fino de tiu parolado nin certigas ke ĝi havos feliĉan rezultaton por nia kaŭzo.

Nova kurso komenciĝos je la lundo 4a de februaro en Universitato de Bruselo, ĉambro 3a.

Kunveno de la Bruselaj samideanoj okazos je la dimanĉo 10a de Februaro, je la 10a horo matene en la granda salono de la domo « La Louve » 5, grand' place, por decidi fondon de grupo. De nun oni povas sendi aliĝojn ĉe la Direkcio de la ĵurnalo.

*La Gazette du Nord-Est et Cinquantenaire-Exposition*, komencis serion da artikoloj pri Esperanto.

**Ostende**. — La Jeŭdo 7a de februaro proksima, Sinjoro Dro Goffin parolados pri Esperanto ĉe la Societo de koloniaj studoj, en la loko « Kazino » je la 8 1/2 horo preciza.

**Namur**. — En nia antaŭa numero ni sciigis fondon de milita grupo en tiu urbo.

Il est complètement organisé et son comité vient d'être élu ; nous en donnons la composition dans le texte Esperanto. On remarquera que le chef de corps, colonel Avaert du 13me de ligne, a bien voulu accepter la présidence d'honneur du groupe.

Nous pouvons ajouter que parmi le monde religieux, l'Esperanto reçoit le même accueil et qu'au séminaire catholique, on compte environ vingt étudiants qui connaissent la langue et la pratiquent entre eux.

Ĝi estas plene organizita kaj ĝia komitato estas elektita :

*Honora Prezidanto*, Kolonelo Avaert, regimentestro de la 13a linia regimento.

*Prezidanto*, Kapitano Bisman.

*Vic-prezidanto*, Komandanto Bertrand.

*Sekretario-Kasisto*, subleŭtenanto-financaFlamme.

*Helpantoj*, Leŭtenanto Chabot, subleŭtenanto Requette.

Ĉiuj estas oficiroj de la 13a linia regimento.

Sidejo : Hôtel de Hollande, place de la Gare.

Ni povas aldoni ke en religia mondo, Esperanto ricevas saman akcepton kaj en la Katolika Seminario, oni kalkulas cirkaŭ dudek lernantoj kiuj konas, kaj inter ili, praktikas la lingvon.

**Arlon**. — Le 13 janvier, notre collaborateur, M. Lucien Blanjean, donna à Arlon, le coquet chef-lieu de la province de Luxembourg, une conférence qui réunit un auditoire choisi.

On remarquait, en effet, parmi les assistants le bourgmestre de la ville, plusieurs conseillers communaux, des avocats, ingénieurs, professeurs d'athénée, un médecin militaire, etc.

Dès son arrivée dans la cité luxembourgeoise, M. Blanjean fut reçu avec la plus cordiale sympathie et M. le bourgmestre Ensch-Tesch le présenta au public en signalant le plaisir qu'il éprouvait de recevoir un enfant de la province pour traiter la question de la langue internationale.

Quelque peu ému, le conférencier dit combien il était heureux de pouvoir développer dans le chef-lieu de la province où il a vu le jour, où il est devenu adolescent, un sujet d'une importance aussi grande, aussi mondiale, que la question de l'adoption d'une langue seconde, la même pour tous.

Il exposa avec clarté et chaleur le problème pour la solution duquel il se dépensa tant depuis de nombreuses années déjà. Sa démonstration dut être convaincante, car des applaudissements nourris lui furent prodigués lorsqu'il annonca que sa conférence serait suivie, au printemps, d'un cours donné par Melle Lecointe de Bruxelles.

Une distribution de brochures et de feuilles de propagande eut lieu au sortir de la conférence. De toutes parts, on remarquait un enthousiasme général, précurseur d'une bonne récolte prochaine.

L'Echo du Luxembourg, publiait, quelques jours après, une analyse très nourrie de la causerie de notre ami. Nul doute que cet article ne vaille encore d'autres adeptes à notre cause.

**Arlon**. — Nia kunlaboranto Sro Lucien Blanjean faris, je la 13a de Januaro, en Arlon'o, la beleta ĉefurbo de l' provinco Luksemburgo, paroladon kiu kunigis elektitan aŭdantaron.

Efektive, en la ĉeestantaro oni rimarkis la urbestron, kelkajn komunumajn konsilantojn, advokatojn, inĝenierojn, ateneajn profesorojn, armean kuraciston, k. c.

Tuj post sia alveno en la Luksemburga urbeto, Sro Blanjean estis akceptata plej simpatie kaj la urbestro, Sro Ensch-Tesch, prezentis lin al la publiko dirante kiel plezure la vastiĝo de l' popola universitato akceptas Luksemburgan devenulon por paroladi pri la lingvo internacia.

Iomete kortuŝite, la parolanto klarigas kiom li estas feliĉa malvolvi en la ĉefurbo de la provinco kie li naskiĝis, kie li junuliĝis, temon kies graveco estas tiel granda, tiel monda kiel la demando pri l' alpreno de lingvo dua, por ĉiuj la sama.

Klare kaj fajre, li esploris la problemon pri kiu li jam tion klopodadis de multaj jaroj. Lia klarigo estis vere konvinka ĉar varmaj aplaŭdoj aŭdiĝis kiam li sciigis ke lia parolado estas sekvota, en la printempo, de kurso farota de Fino Lecointe el Bruxelles.

Disdono de broŝuroj kaj foliaj propagandiloj okazis je l' eliro de l' publiko. Ĝenerala entuziasmo regis ĉie, antaŭpromeso de venonta rikolto riĉa.

Kelkaj tagoj poste, la « Echo du Lnxembourg » publikigis raporton tre plenan pri la parolado de nia amiko. Verŝajne, tiu bonaga artikolo altiros aukoraŭ novajn adeptojn al nia afero.

## Vers la langue auxilaire internationale. (1)

Au point de vue colonial, je commenterai ce mot plus qu'original du général Faidherbe : Le verbe est le grand obstacle à notre colonisation. »

Sait-on que l'ensemble complet de la conjugaison française offre 2,265 formes différentes ? Je dis bien deux mille deux cent soixante-cinq!

Sait-on que l'auxiliaire être offre, à lui seul, trente-quatre terminaisons absolument diverses, greffées

(1). Extrait de « L'Indépendance Belge », 1er Octobre 1906. Voyez notre no 54.

## Al la internacia helpanta lingvo (1).

Je la kolonia vidpunkto, mi komentarios tiun vorton pli ol originalan de la generalo Faidherbe (Federb') : « La verbo estas la plej granda baro por nia koloniigo ».

Ĉu oni scias ke la aro de la Franca konjugacio montras 2,265 malsamajn formojn ? Mi certe kalkulas dumil ducent sesdek kvin !

Ĉu oni scias ke la helpanta verbo « être » (esti) montras propre tridekkvar finiĝojn tute malsamajn,

(1). Traduko el ĵurnalo « L'Indépendance Belge », 1a de oktobro 1906, vidu nian 54an numeron.

sur 22 radicaux différents, soit un total de 56 formes aussi variées que possible.

Et l'on parle du génie (*sic*) des langues ! de construction logique (*resic*) !

Et toutes les langues les revendiquent à l'envi, ces résultats monstrueux de l'accumulation archiséculaire de déformations, d'irrégularités, de créations boiteuses, de locutions vicieuses, de détournements de significations, d'amputations arbitraires suivies d'additions fantaisistes, toutes choses qui ont orné les langues de barbarismes, solécismes, néologismes mi-grecs mi-latins, d'idiotismes, etc., etc.

Les pauvres habitants de Soles, ville de Cilicie, parlaient si mal le grec, — paraît-il, — qu'on immortalisa leur nom pour désigner les fautes contre la syntaxe.

On se garda bien, toutefois, de prendre des mesures pour empêcher la production des solécismes.

A l'heure présente, la logique continue à briller par son absence dans toutes les langues modernes.

En français, le mot eau est formé de trois voyelles différentes, et se prononce comme une quatrième voyelle qui ne figure pas dans la composition du mot; au pluriel on ajoute x et on continue à prononcer o tout court. En revanche, le mot femmelette comporte quatre fois la même voyelle, avec quatre prononciations différentes, a, e, è et e muet.

Je sais bien qu'on ne voit pas ces détails quand l'habitude nous en a donné le « tic ». Même, quand on nous révèle des tics, on nous fait mal. Ce n'est pas de ma faute, et je crois qu'il est plutôt avantageux d'apprendre à se boutonner des deux mains, même quand, jusque la quarantaine, on s'est toujours boutonné de la main droite

Lisez encore ceci : J'ai acheté un grand orgue, fort beau, que j'ai choisi entre de nombreuses orgues, grandes et fort belles.

Et. . mais on n'en finirait jamais.

Le vrai génie d'une langue, sa seule logique, sera de n'avoir plus rien de toutes ces tares... géniales.

C'est ce que, seule, pouvait réaliser une langue artificielle. Ceux qui ont poussé suffisamment leurs études de philosophie scientifique savent que l'accord est fait aujourd'hui sur un certain nombre de grandes lois naturelles dont l'observance assure le succès, tandis que leur méconnaissance mène à l'échec certain.

L'une de ces lois, dans laquelle nous vivons sans même avoir un mot pour la désigner, est la loi de la causation. Que les puristes me pardonnent ce néologisme.

J'appellerai, si on le veut bien, causation, la loi expérimentale suivante : une même cause produit toujours le même effet. En j'en ferai, si on le veut bien, application à l'enseignement des langues, pour conclure que le piètre effet obtenu jusqu'ici ne se modifiera pas avec les méthodes d'enseignement, car la cause efficiente, savoir la langue en elle-même, n'aura pas changé.

Commandant Ch. Lemaire.

kunigitajn al 22 malsamaj radikoj. sume 56 formojn tiel diversajn kiel eble.

Kaj oni parolas pri la genio (*sik*) de la lingvoj ! pri ia logika konstruo (*resik*) !

Kaj ĉiuj lingvoj postulas, vete, tiujn monstrajn rezultatojn de la pli ol miljara amasigo da aliformigoj, da nereguloj, da kvazaŭ lamaj kreaĵoj, da difektaj diraĵoj, da deturnoj pri signifo, da arbitraj detranĉaĵoj sekvitaj de fantaziaj aldonoj, ĉion, kiu ornamigis la lingvojn per barbarismoj, solecismoj, duone grekaj duone latinaj neologismoj, idiotismoj, k. c. k. c.,

La kompatindaj loĝantoj de Soles, urbo el Cilicilando, tiel malbone parolis la grekan lingvon — oni diras — ke oni senmortigis ilian nomon por kvalitigi la erarojn pri sintakso.

Tamen prizorge oni ne leĝfaris por haltigi la produkton de solecismoj.

Nune la logikeco daŭras « briliĝi pro foresto » en ĉiuj nuntempaj lingvoj.

En franca lingvo la vorto « *eau* » (akvo) estas formita per tri malsamaj vokaloj, kaj oni elparolas kiel kvara vokalo kiu ne estas en kunmeto de la vorto; multenombre oni aldonas « *x* » kaj oni daŭras elparoli o, sen plu.

Kontraŭe, la vorto « *femmelette* » (senergia homo) enhavas kvarfoje la saman vokalon kiun oni elparolas malsame kiel a, e, è (franca) kaj mutigita e (france).

Mi tre bone scias ke oni ne vidas tiujn detalojn kiam ofta uzo donis al ni la kutiman « tik ».

Eĉ kiam oni malkovras al ni tiujn tikojn, oni doloras nin. Tio ne estas kulpo mia, kaj mi opinias, ke estas pli profita provi butonumon per ambaŭ manoj, eĉ kiam, ĝis la kvardeka jaro, oni butonumis per dekstra mano.

Legu ankoraŭ tion (france) : Mi aĉetis grandan orgenon tre belan, kiun mi elektis inter multaj orgenoj (franca gramatika femino) grandaj kaj tre belaj (sama rimarko).

Kaj..... sed neniam oni finus tion.

La vera genio de ia lingvo, ĝia sola logikeco estos : ne plu havi ion el tiuj difektaĵoj..... geniaj.

Tion povis realigi nur artefarita lingvo. Tiuj kiuj plenumis sufiĉe la studojn pri scienca filozofio, scias ke la konsento efektiviĝis pri ia nombro da ĉefaj leĝoj naturaj, de kiu regul-observo certigas la sukceson, dum ilia malobservo enkondukas en certa malprospero.

Unu el tiuj leĝoj, laŭ kiu ni vivadas eĉ ne havante vorton por esprimi ĝin, estas la leĝo « pri kaŭzacio ». La ĝustamantoj bonvolu pardoni al mi tiun neologismon.

Mi nomos, se tion oni bonvole akceptas, « kaŭzacio » la sekvantan esperimentan leĝon : sama kaŭzo ĉiam produktas saman efikon. Kaj mi aplikos, se tion oni bonvole akceptas, tiun leĝon al la instruado de la lingvoj, por konkludi ke la senvalora rezultato ĝis nun ricevita, ne ŝanĝiĝos pro la metodoj de instruado, ĉar la efik-produktanta kaŭzo, la lingvo mem, ne estos ŝanĝita.

(*Daŭrigota*)

Komandanto Ch. Lemaire.

*Tradukis Jos. Jamin.*

## POLIGLOTA CEREMONIO.

Romo, 12ª Januaro 1907.

La Kolegio de la Katolika Kompanio de « Propaganda fide » kiu, tion oni scias, preparas la misiistojn por ĉiuj landoj de la mondo, kunvenis solene je la honoro de la Kardinalo Gotti, de kiu jubileon oni glore festis dum tiuj ĉi tagoj.

Al tiu kunveno, kie ĉeestis multaj Kardinaloj, partoprenis tridek tri lernantoj de malsamaj naciaj devenoj, kaj ĉiu el ili legis verkon, proze aŭ poezie skribitan en sia propra lingvo. Ĉiuj lingvoj de Eŭropo, Azio, Afriko kaj Oceanio, kaj ankaŭ « Esperanto » unu post la aliaj, ĉarmis la aŭdon de la ĉeestantoj.

La kvar lingvoj uzitaj dum la antaŭprezento de la ceremonio estis la hebrea, norvega, franca kaj « Esperanto » uzita unuafoje en Akademio de la « Propaganda fide. »

Lia Kardinala Moŝto Gotti, estas prefekto de la Kompanio.

## LA LOĜANTARO DE ANTVERPENO.

La lasta raporto de la Antverpena estraro sciigas ke tiu ĉi urbo enhavas 304.975 loĝantojn, el kiuj 148.637 virseksajn kaj 156.338 virinseksajn. Ĉiujare oni rimarkas kreskandan preteraĵon de la virinoj rilate al la viroj.

La pli multnombra eksterlanda kolonio estas la Holanda, kiu kalkulas 16.186 personojn, poste sekvas laŭ malkreskanta vico 9.764 Germanoj, 2.551 Francoj, 2.485 Austroj-Hungaroj, 2.317 Rusoj, 1.754 Angloj, 743 Skandinavoj, 447 Italoj, 369 Danoj, 340 Svisoj, 303 Turkoj, 291 Rumenoj, 250 Nord-Amerikanoj, 234 Luksemburganoj, 109 Grekoj, 103 Hispanoj, 89 Bulgaroj, 81 Sud-Amerikanoj, 21 Afrikanoj, 20 Hindoj, 11 Portugaloj kaj 1 Aziano.

Por loĝi tiujn ĉi 304.975 loĝantarojn Antverpeno posedas 37.671 domojn, do iom pli ol 8 personoj po unu domo meznombre.

## A V I Z O.

Por eviti renoviĝon da protestoj pri malakurateco de disdono de la ĵurnalo aŭ servo de la abono, ni admonas niajn gelegantojn, ke ili sin turnu senpere, pri abono, al Sro J. Coox, en Duffel.

Se oni elektus alian vojon, oni riskas malagrablan prokraston, pri kiu ni akceptas nenian respondecon.

Ni memoru ankaŭ ke neniu povas sin difini riprezentanto de nia ĵurnalo.

LA DIREKCIO.

## A V I S.

Afin d'éviter le retour de réclamations au sujet de l'envoi irrégulier du journal et du service de l'abonnement, nous engageons tous nos lecteurs à s'abonner directement à M. J. Coox, à Duffel.

En s'adressant à n'importe quel intermédiaire, on s'expose à des retards dont nous ne prenons pas la responsabilité.

Rappelons, en outre, que nul ne peut se prévaloir du titre de représentant de notre journal.

## B E R I C H T.

*Ten einde nieuwe klachten te vermijden over de onregelmatige toezending van ons blad en den dienst der abonnementen, verzoeken wij onze lezers zich rechtstreeks te laten inschrijven bij den heer J. Coox, te Duffel.*

*Wie anders handelt stelt zich aan vertragingen bloot, waarvoor wij niet verantwoordelijk kunnen zijn.*

*Wij herinneren daarenboven, dat zich niemand als vertegenwoordiger van ons blad mag aanstellen.*

## PROBLEMOJ.

**PROBLEMO nº 22ª** (de Plantano).—*Antaŭ la vortoj signifantaj:* multekosta metalo — por montri celon — tio kio estas laŭ la devo — ŝtatestro — frapo — montras elementan parton — malgranda poeziaĵo — utila metalo — unupunkta ludkarto — ĉarmovilo — montras elementan parton — mordetanta besto — adjektiva formo de osteto — ĉe la virinaj vortoj — inter montoj, *aldonu unu literon por formi vortojn kiuj signifas:*

Nepre necesa internaĵo — montras kaŭzon — rimedo por ricevi *Belga Sonorilo*'n — petego — ekleziulo — loĝejo de la homaro — mara rifuĝejo — oferdono al Dio — trinkilo — esprimas marŝadon — elementon — proksima parenco — nepre sama — teksebla kreskaĵo — geometria formo.

*La aldonitaj literoj, laŭ ordo legitaj, formos tre konatan proverbon.*

**PROBLEMO nº 23ª** (de Plantano). — Heksametro (ses-flanka figuro) : Prepozicio — antikva kaj famega urbo — multe da geviroj — radiko de bonega molusko — brila metalo.

Figuro:

```
   • • •
  • • • •
 • • • • •
  • • • •
   • • •
```

**PROBLEMO nº 24ª** (de Plantano).

Mi unue estas bovo
Due mi troviĝas viro
Kaj entute, laŭ vortaro,
Mi nur estas granda besto.

**PROBLEMO nº 25ª** (de Sº Weemaes). — Ni estas: 1e birdo, 2e mineralo, 3e arbo. Senkapigitaj, ni fariĝas : 1e juvelo, 2e kreskaĵo, 3e spirita laboro.

**PROBLEMO nº 26ª**.—Diru per sama vorto ke en korpoparto de besteto estas korpaj movigiloj.

**PROBLEMO nº 27ª**. —Vi mi sed (mi / ) vin

Oni sendu la solvojn, al Sº J. COOX, en Duffel, antaŭ la 25ª de Marto 1907. Ni publikigos la nomojn de l' divenintoj. Premiojn ni disdonos al tiuj kiuj estos divenintaj plej multe da problemoj.

Oni bonvolu uzi apartajn kartojn por ĉiu serio da problemoj : tion ni bezonas por plifaciligi la klasigon de l' solvoj kaj malhelpi erarojn.

## SOLVOJ.

**PROBLEMO nº 9ª**.— Dimanĉo, Dimanĝo.
» » **10ª**. — Senegalo, ĉar ĝi estas sen-egalo.
» » **11ª**. — Ŝtrumpeto, trumpeto.
» » **12ª**. — A M I S
M U Z O
I Z O L
S O L A
» » **13ª** — Ponto, poto.
» » **14ª** -- 99 $^9/_9$.

**Divenis.** — Soj **Mathys**, kaj **Weemaes**, ĉiujn; Sino **Br.**, ĉiujn krom 14; Sº **Lundgren**, ĉiujn krom 9; Sº **Plantano** kaj **Chaufoureaux**, ĉiujn krom 10; Sino **Bastoul**, Soj **Letenneur** kaj **Rigoir**, ĉiujn krom 9, 10.

## La Signo Esperantista

estas

**LA VERDA STELO**

kaj

la verda stelo estas la SIGNO « GASSE »

la plej bela, — malkara, — simbola kaj scia, vere disvastigita internacie rekonilo esperantista ; ne estante ŝtofa, ĝi ne difektiĝas.

Prezo fr. 1.00 afranke en Belgujo. Sin turni al So COOX,Duffel.

---

**IMITAĴOJ (1a ELEKTO)** de poŝtmarkoj de Francujo, Belgujo, Monako, Kongolando, k. c. ; kolonioj germanaj (tipo « aglo ») kaj francaj. Prezaro de 2000 diversaj tipoj kun specimeno senpage.

**F. FOURNIER, rue du Rhône, 11, Genève (Svisujo).**

Leĝe patentita sub no 16062. 24 premioj ĉe Internaciaj Ekspozicioj. (59)

---

## SPINEUX & Co, Bruselo,

POLIGLOTA LIBREJO, FONDITA EN 1833

62, MONTAGNE DE LA COUR,

*Riprezentanto de LA BELGA SONORILO.*

Vendas ĉiujn Esperantajn librojn.

**KORESPONDAS ESPERANTE.**

TELEFONO No **3688**.

---

## The British Esperantist

Oficiala monata organo de la Brita Esperantista Asocio ; 12 paĝoj da novaĵoj k. c. angle-esperante, kaj 8 paĝoj da Aldono. Jare 4 fr. (sen Aldono, 2 fr.) Oni abonas ĉe la Sekretario de la B. E. A., 13, Arundel Street, Strand, London.

---

## Sinjoro Mathouillet,

ano propaganda de S.P.P.E., kaj rajthavanto de l' tre potenca firmo por burgondaj vinoj **CHAMPY PÈRE ET FILS**, el Beaune, (Bourgogne), loĝos en **Hôtel d'Harscamp**, en Namur, de la 1a de Novembro ĝis fino de Marto.

Li deziras trovi seriozajn agentojn en la urboj : Chimay, St Trond, Ramillies, Landen, Couthuin, Fosses, Fleurus, Diest. (55)

---

## L'Union Postale Universelle

## La Poŝta Universala Unuiĝo

ĈIUMONATA INTERNACIA ĴURNALO

EN RUSA KAJ ALIAJ LINGVOJ.

APERAS LA 1an DE ĈIU MONATO.

*Abonkosto : 5 frankoj aŭ 2 rubloj.*

*Unu numero : 20 kopekoj.*

Sin turni al la Redakcio : strato Mario No 3, log. 6 en Riga aŭ al Societo « Espero » Bol. Podjaĉeskaja, no 24, log. 12 en Peterburgo.

**Redaktoro : Sro W. E. Tscheschichin.**

---

# LUEBLA.

---




**Mekanika bindilo**, kun risorta dorso, por Belga Sonorilo kaj Tra la Mondo.

Oportuna kaj praktika por konservi sendifekte la gazetojn.

Prezo, afranke en Belgujo, fr. 2,50

eksterlanden » 3,00

Ĉe So WITTERYCK, 4, Nouvelle Promenade, Bruges.

---

## Northern Institute

ÉCOLE COMMERCIALE DE LEEDS

**Cours spécial pour les Etrangers**

Seul moyen d'apprendre vite et bien la langue anglaise et le commerce.

**Cours de vacances spécial pour les élèves étrangers.**

(57) Directeur : M. A. C. POIRÉ.

---

## L'ANNONCE TIMBROLOGIQUE

ĈIUMONATA ORGANO DE LA KOLEKTANTOJ

**de poŝtsignoj, ĵurnaloj kaj ilustritaj poŝtkartoj**

estas unu el la plej bonaj iloj por publikigo kaj por la interŝanĝantoj.

Ĝi ekzistas de 15 jaroj, kalkulas abonantojn en ĉiuj landoj de la mondo, kaj estas la OFICIALA ORGANO DE DEK FILATELAJ KAJ PRESAĴ-AMANTAJ SOCIETOJ; al ĉiuj membroj de tiuj societoj, ĝi estas sendata devige.

*JARA ABONO:* **2 frankoj** en ĉiuj landoj.

*MALGRANDAJ ANONCOJ:* **3 frankoj** por 12 enpresigoj po 4 linioj.

Sin turni al la Direktoro, **Sro ARMAND DETHIER, 66, rue Floris, Bruxelles, Belgique.**

# La Belgique

## artistique et littéraire,

*Revue*

NATIONALE DU MOUVEMENT INTELLECTUEL.

Paraissant en fascicules mensuels d'au moins 150 pages, **LA BELGIQUE** est la plus importante de nos publications périodiques. Elle publie des articles d'art, de littérature, de critique, d'érudition, etc., signés des noms les plus autorisés du monde intellectuel belge.

Tous les mois : **CHRONIQUE DES LIVRES** par Mme Blanche Rousseau, MM. Paul André, Arthur Daxhelet, Georges Dwelshauwers, Ernest Mahaim, Georges Marlow, Henri Maubel, Ed. Ned, Sander Pierron, Fernand Séverin, etc.

**LES SALONS** par Edmond Picard.
**LES THEATRES** par Paul André.
**LES CONCERTS** par Aug. Joly.

*ABONNEMENT :*

| | | | |
|---|---|---|---|
| BELGIQUE, 1 AN : 12 FR. | 6 MOIS : 7 FR. | 3 MOIS : 4 FR. |
| ÉTRANGER, » 15 FR. | » 9 FR. | » 5 FR. |

**LE NUMÉRO : I FR. 25 CHEZ TOUS LES LIBRAIRES.**

BUREAUX :

*26-28, Rue des Minimes, BRUXELLES.*

# " TRA LA MONDO "

**Tutmonda multilustrata revuo esperanta**

Nuntempaĵoj ; arto, literaturo, sciencoj ; komerco, industrio ; militistaro, maristaro ; teatro ; sportoj ; virina kaj gejunula paĝo ; felietono ; ludoj, konkursoj kun valoraj monaj premioj. Ĉiuj artikoloj estas verkitaj de anoj de l' landoj pritraktataj ; senpaga specimeno laŭ peto al Administranto de T. L. M., 15, Bd des 2 Gares, Meudon (S. O). France, kaj al Administranto de la Belga Sonorilo, en Duffel (Belgique).

## LINGVO INTERNACIA.

Monata Gazeto tute en Esperanto : 5 fr. ; kun literatura aldono : fr. 7,50.

Presa Esperantista Societo.

33, rue Lacépède, Paris Ve.

# Espero Pacifista

Monata organo de l'Internacia Societo Esperantista por la Paco. Jara abono (aŭ minimuma kotizo) : 5 fr. Krom avizo kontraŭa, la abonantoj estas enskribataj kiel aliĝantoj al la Societo. Tiu ĉi akceptas ankaŭ aliĝojn opajn. Sin turni al

**So GASTON MOCH, 26, rue de Chartres,**
*Neuilly-sur-Seine*, (Francujo).

LUEBLA.

LUEBLA.

# La Revuo

internacia monata literatura gazeto, kun konstanta kunlaborado de

Dro ZAMENHOF.

Ĉe Hachette k. Ko, 79, Bould St.-Germain, Paris.
Jare : Fr. 7.

# Praktika Revuo de Komercaj Sciencoj.

Redaktata en franca lingvo sub la direkcio de Sinjoro O. Orban, profesoro ĉe la Universitato de Lieĝo. — Eliras ĉiumonate dum naŭ monatoj, de la 15a de Oktobro ĝis la 1a de Aŭgusto.

**Unu numero :** 1.00 franko.
**JARA ABONO : Belgujo :** 5.00 frankoj.
**Alilando :** 7.50 frankoj.

**Sin turni al la Direktoro, 26, rue Basse Wez,**
LIEGO (LIÉGE).

# L'Espérantiste.

Organe de la Société Française pour la propagation de l'Esperanto ; rédigé en français et en Esperanto. Directeur : M. L. de Beaufront, *Louviers* (Eure, France)

Abonnement simple . . . . . . . fr. 3.50
Avec inscription à la Société . . . . fr. 4.00